

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 5 N-ro 1 (16) februaro de 2006

---

NOVAĴO

**La jaron 2006 ni kune pasigos**

Okaze de la novjaro 2006 unue mi kore dankas tiujn esperantistojn kiuj salutas min per diversaj formoj, ankaŭ sincere dankas tiujn dezirojn al la projekto "Ĝemelaj Urboj".
La jaro 2006 estos la 4-a datreveno de la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA. Disvastigi Esperanton kaj akceli interurban ĝemeliĝon eterne estas la ĉeftemo de la projekto. La jaro 2005 estis sukcesa, la 2-a kunveno de ĝemelaj urboj, fruktdona interŝanĝo kaj praktikado inter kelkaj paroj da ĝemelaj urboj, la programo "Ĝemelaj Urboj" en kelkaj laborplanoj aŭ kunvenoj, kaj deziroj serĉi samideanojn en siaj ĝemela jurboj, ktp. Propono, partopreno kaj praktikado estas mia espero al ĉiuj. En 2006 ni, kvar funkciuloj de la projekto, plie tenos intiman kontakton kun vi kaj tutkore servos al vi. Mi kredos, ke la prokjekto evoluos en progreso se ni ĉiu kune penadas, kaj kune pasigos la signifoplenan jaron 2006.
Laste mi kore deziras al esperantistoj, precipe al tiuj en ĝemelaj urboj, kaj viaj familianoj: Feliĉon kaj Sanon en 2006. (Wu Guojiang)

**Okazis la norda ĝemelurba kunveno**

La 24-an aŭgusto, 2005, en Kopavogur, Islando, okazis Norda Ĝemelurba Kunveno, kun la temo "Libera tempo por ĉiuj". Ĝi estas aranĝata ĉiun duan jaron. La nordaj ĝemelaj urboj konsistas el Norrköping el Svedio, Odense el Danio, Trondheim el Norvegio, Klaksvik el Feroaj Insuloj kaj Tampere krom Kopavogur. La kunveno traktadis kio estas urba rolo organizi kulturajn kaj libertenpajn servojn por ĉiuaĝaj urbanoj. (el la finnlanda aŭtunonumera Vekilo/2005)

**Iniciatemaj GEA-estraro kaj urbestro**

La urbestro de Herzberg Gerhard WALTER vizitis kaj salutis la pli ol 40 partoprenantojn de la Unuaj Tutlandaj Pedagogiaj Tagoj kaj la GEA-estraron, kiu kunsidis en Herzberg la 2-an de oktobro 2005. Tiu vizito de la urbestro celis la pli bonan interkonatiĝon kun GEA-estraro kaj estis signo de estimo al la 29-jara laborado de Esperanto-Gesellschaft Südharz kaj la 6-jara aktiveco de Germana Esperanto-Centro kiel klerigejo de GEA. Li estis surprizita de la multnombra reprezentiĝo de Esperanto-instruantoj el tuta Germanio kaj la freŝaj ideoj, iniciatemo de la gvidantoj kaj funkciuloj de germanaj Esperantistoj. Li ĝoje akceptis la rekomendon nomi Herzberg Esperanto-urbo kaj vidas bonŝancon, ke Esperanto fariĝu vaste uzata pontlingvo inter malfermitaj homoj de Eŭropo. En tiu procezo Herzberg kaj ĝia ĝemelurbo Góra povas esti modeloj. Per promesita plua morala kaj laŭ la ebloj financa subteno li intencas helpi la jam longan aktivan rolon de Herzberg en la nacia kaj internacia E-movado.

**Ĝemeliĝis du E-societoj**

La 15-an de Oktobro 2005 en Prilep, Respubliko Makedonio, ĝemeliĝis E-societoj: "Ora

Serpento" el la urbo Zmiyov, Ukrainio kaj "la Progreso" el Prilep, R. Makedonio. Atestilojn por ĝemeliĝo subskribis kaj interŝanĝis s-ino Alina SLJAHOVA, gvidantino de la "Ora Serpento" kaj s-ro Metodi GALESKI el Prilep, prezidanto de la "La Progreso". Poste sekvis solena kaj amuza kunveno en kiu s-ino Alina SLJAHOVA prezentis al Prilepanoj tatarajn kaj ukrainajn dancojn. Ĉeestantoj daŭrigis kunvenon kun makedonaj popoldancoj kaj makedonaj bakaĵoj. En tiu kunveno gasto estis freŝbakita esperantistino Ristana el urbo Ohrid, kie lastaj semajnoj s-ino Alina gvidis E-kurson. (Viktor GALESKI)

**La rubrikon "Ĝemelaj Urboj" starigos la Revuo Orienta**

Emociiĝinte pro la bona enhavo de la reta revueto "Informilo de Ĝemelaj Urboj" s-ro HORI Yasuo proponis, ke la Revuo Orienta, organo de Japana Esperanto-Instituto, havu en 2006 specialan rubrikon "Ĝemelaj Urboj". Al tio s-ino Maritza GUTIERREZ, estrarano de UEA kaj unu el la kvar funkciuloj de la projekto havis klaran esprimon. Ŝi diris, ke la laboro farata pri ĝemelaj urboj estis tre salutinda kaj necesa por plifortigi la movadon kaj kunlaboron inter landoj, kaj ke ŝi aparte salutis la iniciaton proponi ke la Revuo Orienta havu rubrikon pri la temo, kaj esperis, ke ĝi estu akceptata. Eventuale aliaj esperantistaj gazetoj povus iel simile fari por la venonta jaro.

**La programo "Ĝemelaj Urboj" estos en la 100-jara Jubileo de GEA**

La 100-jara Jubileo de Germana Esperanto-Asocio (GEA) kaj la 83-a Germana Esperanto-Kongreso okazos de la 2-a ĝis la 5-a de junio, 2006, en Braunschweig [Braŭnŝvajg] / Brunsviko. La 19-an de majo 1906 estis fondita en Brunsviko la Germanlingva Esperantista Societo kun membroj el Germanio, Aŭstrio kaj Svislando. Tial ni povos baldaŭ fiere festi nian centjariĝon. Tamen tio ne estas sole la afero de la nunaj germanoj. Ne nur ĝi estis ankaŭ la asocio de la aŭstroj-hungaroj kaj de la germanlingvaj svisoj, sed krome tiutempe Germanio estis multe pli granda kaj etendiĝis de Litovio ĝis Francio. Profitu la vojaĝon por resti iom pli longe kaj viziti la aŭtomobilcentron de Volkswagen en Wolfsburg (25 km), ferii en la regiono Harz aŭ restadi kelkajn tagojn en la vivoplena ĉefurbo Berlino.Venu kaj aŭskultu la prelegojn, rakontojn de gravuloj de la germana Esperanto-movado: D-ro sc. Detlev BLANKE, D-ro Werner BORMANN, D-ro Ulrich LINS kaj Prof. Erich-Dieter KRAUSE. Dum tiu festo estos aranĝita bona temo (E-kontaktoj inter ĝemelurboj) por la estonteco de GEA. Aliĝilojn bv. peti de la GEA-komisiito pri aranĝoj: Christian DARBELLAY, Kaiserstr. 39, DE - 24143 Kiel, Tel. 0431/ 73 77 88, Esperanto-Kiel@web.de

**La deziro realiĝis sub la projekto**

S-ro Henry STUDER en Davis, Usono, finfine trovis samideanojn en la ĉina ĝemelurbo Wuxi kaj ricevis iliajn aktivajn reagojn pere de la projekto.

**Du retejoj akceptis proponon de la komisiito**

Ricevinte mesaĝojn pri la retejo www.gvidilo.org de Havra Esperantista Grupo, Francio kaj la retejo http://members.chello.cz/malovec/ de la urbo Moravske Budejovice, Ĉeĥio, kaj trovinte, ke la enhavo pri ĝemelajurboj mankis al ili ambaŭ, la komisiito proponis, ke ĝi estu aldonita al ili. La du retejoj konsideris kaj akceptis la proponon. S-ro Miroslav MALOVEC ankoraŭ skribis tiel: kiam vi sendis vian demandon pri la urbo Moravske Budejovice, pri ilia Esperantlingva retejo, kaj

pri iliaj ĝemelurboj, mi sendis vian tekston kun ĉeĥa traduko al la magistrato de la urbo, por ke ili vidu, ke per Esperanto oni scias pri la urbo eĉ en Ĉinio.Tio tiom entuziasmigis la magistratanojn, ke ili nun volas subskribi kunlaboron kun Ceha Esperanto-Asocio kaj serĉi pere de esperantistoj aliajn ĝemelurbojn.

**Pluaj paŝoj de Interkultura Centro Herzberg/Harz, Germanio**

1) Ni denove interparolis kun nia urbestro Gerhard WALTER en Herzberg. En januaro 2006 okazos granda varbado pri Esperanto-Kursoj en Herzberg kaj apudaj urboj. Komune kun la urba administracio ni varbos por Esperanto kaj kursofertoj, ĉar ja ankau en Góra okazos nun la varbkampanjo.
2) Baldaŭ ni havos en la urbo Herzberg kelkajn vojmontrilojn "Esperanto-Centro". En januaro 2006 ankaŭ estos esperantlingva teksto sur la urba hejmpaĝo, ktp.
3) Je la lasta lundo okazis granda informado pri Esperanto (ankaŭ rilate al Góra) en la subdistrikta gimnazio. Ĉeestis pli ol 80 personoj (geinstruistoj kaj reprezentantoj). Fabienne ZÜRN, s-ino HOLTMANN, Zofia KORODY kaj Otto KERN informis pri la celoj. Kun la nova semestro je la 1a de februaro okazos la unuaj Esperanto-kursoj por gelernantoj en la gimnazio.
4) La urbo Herzberg subskribis la kontrakton rilate al komuna feriosemajnoj kun gelernantoj el Góra kaj Herzberg en la tempo (la 31-a de julio ĝis la 14-a de aŭgusto 2006) en Herzberg.
5.a) Ĉu en Góra okazis la subvencipeto ĉe la polgermana kulturfondaĵo en Varsovio?
5.b) Ĉu vi komencis la varbkampagnon por novaj kursoj en Góra?
5.c) Kio nova en Góra?
(Marika, Zsofia, Kuba, Otto, Petro)

**Tuto de Informilo de Ĝemelaj Urbo legeblas en la retejo**

Pro faro de s-ro Alex.K ĉiu aperinta numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj nun legeblas ĉe:
http://groups.yahoo.com/group/lokaj-esperanto-grupoj/files/

**Reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto**

1. S-ro René PAIROUX el Belgio: Estimata, Dankon pro viaj sendoj kaj viaj informoj kiuj interesas min. Mi disdonos vian retadreson por vin konatigi. Mi projektas sendi al vi artikolon pri mia urbo aŭ mia regiono.

2. Richard SERVAIS el Belgio: Esperanta amiko, La plezuro estas granda por mi , legi viajn skribaĵojn kaj ĉiujn informaĵojn, mi akceptas ilin, ja kun grandaj plezuroj.

3. S-ro Manoel Blaz GARCIA el Brazilo: Estimata amiko Wu Guojiang, redaktoro de Projekto Ĝemelaj Urboj, Mi ricevis kun ĝojo kaj danko vian Informilon de Ĝemelaj Urboj, N-ro 2 (13) junio 2005, k n-ro 3 (14) sep. 2005. Mi legas ilin kun ega intereso. La informoj pri la 90-a UK en Vilno tre interesas al mi k al niaj klubanoj, ĉefe por niaj Esperanto-elsendoj prezentataj ĉiudimanĉe en E-programo de Radio Boa Nova - Am 1080 kHz en Sorokaba. Pri Ĝemelaj Urboj ni ankaŭ informos en la menciita Radio-programo. Fine, mi deziras al vi pacon, sanon kaj sukceson en via mirinda kaj bonega laboro por pli bona mondo.

4. S-ro Leonardo RAMALHO, dumviva Membro de UEA kaj fakdelegito pri Cionismo kaj

Kristanismo, el Brazilo: Mia kara s-ano Wu Guojiang, Mi ĉiam ricevas viajn informojn, kaj ŝatas legi ilin tute. Mi tre ŝatas ricevi viajn informilojn, ĉar mi informiĝas pri tuto de la e-aro de l' mondo. Dankojn.

5. S-ro Luiz ALBERTO el Brazilo: mi akurate ricevas vian bultenon kaj varmiĝas la koro konstatante vian sindediĉon por nia afero. Mi bedaŭras ke mi malhavas tian talenton! Kun bondeziroj gratulas vin kaj vian familion.

6. S-ro Hasan Yakub el Bulgario: Estimata Wu Guojiang, vian retadreson mi ricevis de sinjoro Renato CORSETTI. Mi interesiĝas pri la fenomeno ĝemeliĝo, pri ĝia specifo kaj efektivigo. Fine mi interesiĝas pri eventuala urbo por ĝemeliĝo kun la urbo kie mi nun estas. Se ni povos evoluigi la temon ni povus iri al la detaloj pri la ĝemeliĝo de nia urbo.

7. S-ro Dong Ŝulin el Ĉinio: Estimata s-ro Wu, saluton! Mi tre ĝojas ricevi vian informon. En aŭgusto de la jaro 2004 mi ĝemeligis du infan-ĝardenojn Zaozhuang-a "Tianmi" kaj Toruna "kanguruo", Pollando. Mi deziras ricevi viajn bonajn spertojn.

8. S-ino Raita PYHÄLÄ el Finnlando: via revuo estas interesa, tamen ne indas sendi ĝin al mi, ĉar mi loĝas sola en arbara vilaĝo sen iaj ĝemelaj rilatoj aŭ eblecoj starti tiajn. Sukceson al vi!

9. S-ro Daniel DEVIS el Francio: Ĝis nun mi nur legis kelkajn artikolojn pri la projekto Ĝemelaj urboj. Kvankam estante tre interesata pri la principo de via afero, mi (certe pro manko da tempo) ne trovis dokumentojn donante klare kiel la afero disvolviĝas. Ĉu vi povus sendi tion al mi per tiu retvojo? Antaŭdankon.

10. S-ro HOUENAVO Pierre el Francio: saluton, kara amiko malfrue mi sendas respondon al via retmesaĝo. ne koleriĝu sed ricevu miajn korajn dankojn kun miaj deziresprimoj de la jarfino kaj de la novjaro 2006 mi sendas la sekvon letere. Dankon. Fartu bone.

11. S-ro Siegfried LINKE el Germanio: Estimata samideano, vi sendas de tempo al tempo elektronikajn mesaĝojn al mi (kaj al aliaj gesamideanoj) plenumante vian taskon de prizorgo la ĝemelurbajn aferojn, ke estas laŭdinda agado. Elkoran dankon!

12.S-ro Manfred WESTERMAYER el Germanio: Kara samideano Wu Guojiang, elkoran dankon por via sendado de #13 kaj #14 (mi legos poste). Vi certe scias, ke nia Esperanto grupo de Frejburgo /Breisgau kaj ĉirkaŭa regiono (Germanio) havas kontakton kun plejmulto el niaj ĝemalaj urboj: Esfahan (IR), Macuyama (JP), Padovo (IT), Besancon (FR), Innsbruck (AT), Lviv (UA), bedaŭrinde ne kun Guildford (GB). La urbeto en kiu mi vivas, 79194 Gundelfingen, havas partnerajn urbojn: Bierun (PL) kaj Meung sur Loire (FR, bedaŭrinde sen esperantisto ĝis nun).

13. S-ro Rene el Germanio: Saluton Wu, Dankon pro via informilo. Nun mi havas demandon al vi. Ĉu mi rajtas metis la informilojn sur la paĝaron de la Esperanto-Societo Neubrandenburg, kiun mi redaktas ekde 2003. Ĝis baldaŭ.

14. S-ro Werner PFENNIG el Germanio: Kara, estimata Wu, kore mi dankas pro viaj detalaj informoj kaj interesaj informiloj pri la ĝemelurbaj rilatoj. Mi gratulas vin kaj vian popolon pro la sukcesa starto kaj reveno de la kosmoŝipo kun la du kosmonaŭtoj. Jam estas la dua fojo, ke Ĉinio tiel sukcese agas, mi esperas, ke vi tiel kontinuas - ankaŭ tiam, se ne ĉio laŭplane kaj plene sukcesos. Neniam rezigni! Kore salutas vin.

15. S-ino Aldona GRIKIETIENE el Litovio: Saluton Estimata s-ro Wu Guojiang! Mi dankas Vin pro senditaj revuetoj N-ro 13 kaj N-ro 14. Tio estas interesa por mi, tial mi faris kopiojn kaj transdonis al urba biblioteko de Garliava, ke ilin povu legi urbaj esperantistoj. Mi kondolencas Vin kaj ĉiujn al kiu forpaso de la s-ro Takeuti Yosikazu en Japanio estas doloro de koro, kiu tristas.

16. S-ro Jawaid EAHSAN, Ĝen.Sekretario de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA): Kara Guojiang Wu! La Projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA tre rapide progresas. Estas tre bone ke ankaŭ en UK-2005 okazis kunveno de Ĝemelaj Urboj. Gratulojn!

17. S-ro Lilia SAMUDIO el Paragvajo: Saluton, Karaj samideanoj "ĝemelurboj". Mi tre dankas vin.
Ni, en nia lando laboras ankaŭ pri la afero de la E-o, sed por ni esta tre malfacile komunikigi vin kaj aliajn esperantistojn. la retejo ne estas en nia urbeto. Bonvolu, Senkulpigu nin ke ni ne respondis vin. Nur la gelernantoj faras partoprenoj kaj ludoj, en aliaj momento ni sendas vin la fotoj. Ni estas tre feliĉaj ricevi viajn mesaĝojn. Bonvolu pardonu niajn erarojn. Elkoran Dankon!

18. S-ro Andrzej MARSZALKOWSKI el Kartuzy en Pollando: Saluton! Ĵus mi revenis de la sesio de la Urba Konsilantaro en nia urbeto Kartuzy. Estis diskutita (marĝene, tamen arde) la kunlaboro kun niaj ĝemelaj urboj. Ĉu estas iu internacia regularo, instrukcioj, laborplano, agadplano (kaj simile) pri la afero?

19. S-ro D. ROOKE el Svislando: Kara s-ano, Koran dankon pro via informilo. Kiel estrarano de Zurika e- klubo, proponas korespondadon inter la jam ofiale ĝemalaj urboj Zuriko, Svislando kaj Kunming, Ĉinio.

20. S-ro Zelimir PEHAR en Tajlando: Mi ricevis vian informilon pere de agemega UEA prezidanto Renato CORSETTI! Akceptu multajn la plej sinceran amikan samideanajn salutojn de prezidento de MondEtur Zelimir PEHAR

21. S-ro Phil DORCAS (filipo@grupoj.org www.esperanto-usa.org): Kara kolego, Saluton! Skribas al vi Filipo, (Phil Dorcas) nova prezidanto de la Esperanto-Ligo por Norda Ameriko. Mi pritraktos aktivecon en lokaj grupoj en Usono, kaj deziras starigi ĝemelurbajn agadojn ĉi tie. Kiel mi povas lerni pri la projekto? Mi certe havas ideojn, sed deziras kunlabori kiel eble plej multe kun la jam kreitaj projektoj. Mi planas informi la usonajn lokajn grupojn kiam mi pretos kun la elpensitaj detaloj. Multan dankon.

URBA STILO KAJ TRAJTO

**Angulemo vigle eniras sian estontecon!**
La rivero Ĉarento trairas parton de la urbo Angulemo, Francio. Tiu kvartalo river-borda, nomata Sankto-Sibardo, en la pasintaj jarcentoj estis industrie tre aktiva, pro la transport-trafiko sur la rivero, pro la funkciado de maŝinoj pere de la rivera energio, sed ankaŭ pro la uzo de la akvo en la fabrik-procedoj mem, precipe en la fakoj de paper- kaj felt-produktado.
De tiu tempo restis multaj ne plu uzitaj fabrikejoj, kiu donis al la kvartalo ĝian aspekton kvazaŭ ruiniĝantan. De pluraj jardekoj la urba registaro klopodas, kiel eble plej ofte, reuzi kaj valorigi tiujn konstruaĵojn, kies historio estas interesa parto de la loĝantara memoro.
Vizitintoj de nia urbo certe memoras pri "Nacia Centro pri Bildstrio kaj Bildo" CNBDI (1), "Muzeo pri Papero" (3) kaj la domo por asocio "Nilo" (2).
Ĝuste pro tio, ke bildstrioj fariĝis la "naŭa arto" kaj mondan famon akiris nia ĉiujara "Festivalo pri Bildstrioj", naskiĝis grandioza projekto nomata MAGELIS, por plu renovigi la kvartalon kaj rekonkeri ĝin kiel vivantan parton de la urbo, pere de la kreskanta industrio pri bildoj kaj multflankaj bildteknikoj.
Tri direktojn celas tiu projekto: (1) Proponi lokon por industrioj en la fakoj de kreado de bildo; (2) Proponi eblecojn al studentoj diplomiĝi en la koncernataj fakoj; (3) Proponi al la loĝantaro kaj al la vizitantoj (re) malkovri la historion de la kvartalo, kaj ĝian nuan disvolviĝon. Tiu projekto de pluraj jaroj jam uzas la strebojn de nia samurbanoj, kaj plu daŭros ankoraŭ kelkdek jarojn. La urbestraro kunvokis multajn partnerojn, inter kiuj Eŭropa Unio, la franca Ŝtato kaj ĉiuj lokaj establoj. Ĝi celas krei novan elanon, pere de ekonomiaj kaj sociaj progresoj.
Venu, vi amikoj, turistoj, studentoj, laboristoj kaj entreprenistoj, kaj vidu kiom vigle Angulemo eniras sian estontecon! (el la kontrubuaĵo de CONDE REY al la germana gazeto PONTOJ 7/2003)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Seminario pri kunlaboro de ĝemelurbaj E-kluboj**
De la 18-a ĝis la 22-a de sept. tiĥvina E-klubo akceptis gastojn - esperantistojn el Herouville St. Clair, Francio. La francoj venis por partopreni antaŭplanitan seminarion pri kunlaboro de ĝemelurbaj E-kluboj, tamen plenvalora seminario ne okazis pro tio, ke reprezentantoj de du aliaj ĝemelurboj de Tiĥvin (Imatra-Finnlando kaj Trosa-Svedio) lastmomente anoncis sian nevenon. El la seminaria programo estis efektivigita laborkunveno en la Urbodomo- sufiĉe utila duhora konversacio. Ĉeesto de la raportisto de loka ĵurnalo "Divja" kaŭzis aperon de ĉi suba artikolo kun titolo: “Esperanto estas lingvo de estonteco”
Renkontiĝo de esperantistoj el la ĝemelurboj Herouville Saint-Clair kaj Tiĥvin okazis en la malgranda salono de la urbodomo. Estis antaŭplanita pli vasta kunveno, sed esperanto-posedantoj el la ĝemela Imatra (Finnlando) ne sukcesis alveni pro okupiteco pri propra, skandinavia forumo de esperantistoj.
En la renkontiĝo ĉeestis: ĉefa fakulo pri eksteraj ligoj kaj internaciaj programoj de MF "Tiĥvinskij rajon" E.V. SMIRNOVA, partoprenantoj de loka "Esperanto-klubo" kaj de amikecsocieto "Tiĥvin Herouville St. Clair".
Dum la renkontiĝo oni parolis en tri lingvoj, kaj ĉefe pri tio, ke la ĝemelaj ligoj de niaj urboj devas vastiĝi, tuŝi diversajn agadsferojn kaj enhavi ne nur kreon de komunaj projektoj sur la urbodoma nivelo sed ankaŭ komunikadon de ordinaraj civitanoj de niaj urboj.Venkon de lingvaj baroj helpos lernadon de esperanto. En Herouville la asocio de esperantistoj havas 35 membrojn, en Tiĥvin iom malpli. Ni havas funkciantajn kursojn por lernado de tiu lingvo. Eblas diri, ke

esperanto estas ne nur lingvo, sed vivmaniero por homoj agemaj, aktivaj. Esperantistoj de la tuta mondo konstante interkomunikiĝas. Laŭ la opinio de la gastoj el Francio ankaŭ de tiĥvinaj esperantistoj alproprigi tiun ĉi lingvon estas tute ne malfacile.
Esperanto permesas al simplaj homoj trovi komunan lingvon, - diris Claude FERRAND, partopreninto de la renkontiĝo. (Je. ANDRIEVSKAJA)"
La artikolo estas akompanata de konvena foto. Post enhavoriĉa restado en Tiĥvin francaj esperantistoj vizitis Moskvon kaj Peterburgon. Ni kore dankas esperantistojn de ambaŭ urbegoj, kiuj organizis bonan restadon por niaj francaj amikoj. (Viktoro KANDALINSKIJ)

**Mia plia provo**
En somero mi havis la ideon kontakti niajn ĝemelurbojn. Aliaj klubanoj (mi mem ekloĝis en Nurenbergo nur antaŭ nelonge) rakontis al mi, ke simila provo antaŭ jaroj fiaskis, mi mem spertis similan fiaskon en Hamburgo - sed tamen mi provis denove. Mi turnis min al delegitoj en la koncernaj urboj aŭ, kie tiuj mankis, al landaj delegitoj aŭ landaj asocioj. Neniu landa asocio reagis.
La plej multaj delegitoj silentis. Eble somero estis malbona tempo. Mi faros plian provon en januaro. Reagoj venis el
- Turkio de s-ino Sevdiye KATIRCIOGLU, kiu skribis tre afable, bedaŭrante ke ŝi ne konas Esperantiston en la Nurenberga ĝemelurbo Antalya.
- Ĉeĥio de s-ro Zdenek PLUHAR, kiu informis min, ke li pludonis mian mesaĝon al la Praga Esperanto-klubo. Pli poste ni ricevis retan mesaĝeton de la prezidanto de tiu klubo, s-ro Josef TROJAN. Li informis min, ke li ne spertas pri interreto, ke la klubanoj estas plejparte aĝaj personoj kiuj ne multe vojaĝas, sed ĝojus pri vizito. Antau unu semajno ni provizore sendis al ili salutan bildkarton.
- Skotlando de s-ro Jack CASEY. Pere de li kaj David BISSET ni nun estas en kontakto kun la Glasgova grupo. Al ili ni sendis nian informilon Rerigardo, kiu aperas unufoje jare kaj ni ricevis de ili numeron de Scottish Esperanto Bulletin. Krome ili donacis al ni libreton de fama skota aŭtoro, kiun eksprezidanto de ilia societo tradukis. La kontakto kun Glasgovo fakte aspektas promesplena. Nu, jen jam ĉio por la momento. (Sabine HAUGE el Germanio)

SERVA PLATFORMO
Jeremie NGOMA <ngoma_jeremie@yahoo.fr>: Mi bone legis viajn leteron kaj informilojn tiam mi pensas, ke mia prezidanto jam respondis al vi pri la projekto ĉar niaj klubanoj konsentis pri tio. Laŭ mi, ankoraŭ mia familio volas ĝemeliĝi kun la aliaj familioj en la tuta mondo pri futbalo.
******************************************************************************
Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn